# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXX, No. 378. OCTOBER, 1936.


## LA REDAKCIO KOMENTAS

ANTAŬ du monatoj, raportante la rezulton de la baloto pri la translokigo de la Centra Oficejo de U.E.A., ni firme kredis, ke la kriza situacio estas likvidita, kaj ke nia internacia organizo, sub la saĝa gvidado de Generalo Bastien kaj la energia adminstrado de S-ro Goldsmith, de tiam povos senhalte antaŭeniri. Samtempe ni montris nian ĝojon, ke la Universala Kongreso povos sin dediĉi al konstrua laboro, ne ĝenate de organiza disputo.

**Internaciaj Aferoj.**

Sed ve, niaj esperoj trompiĝis. En alia paĝo de tiu ĉi numero ni prezentas raporton pri la okazintaĵoj, kiuj sekvis la baloton. Malgraŭ la klare esprimita deziro de 80% el la voĉdonintaj delegitoj, la kelkpersona opozicio en Svislando montris, ke ĝi estas preta utiligi ĉiujn rimedojn por prokrasto, ĉikano kaj malhelpo de la efektivigo de la "popola" volo. Por tion fari ĝi utiligas ĉiun eblan subtilaĵon, kiun provizas la svisa leĝaro, kaj ni ne dubas, ke elĉerpinte tiujn rimedojn, ĝi trovos aliajn, tiel ke la regula funkciado de U.E.A. povus esti interrompata dum—eble—pli ol unu jaro.

* * *

Tion povas toleri nek la Esperantista popolo, nek la elektitaj gvidantoj de nia internacia movado, nek la financoj de U.E.A. Ĉiu, kiu konas la historion de la klopodoj por akordiĝo faritaj dum la pasintaj monatoj, bone scias, ke la Prezidanto kaj Komitatanoj faris ĉiun eblan paŝon por eviti la rompon, kiu nun fariĝas neevitebla. Kun bedaŭro ĝi trovas sin devigata forlasi la malplenan ŝelon de tiu nobla Asocio, kiun Hector Hodler fondis en 1908, kaj savante ĉion bonan—krom la nomo—kio restas el la malnova U.E.A., fondi per ĝi novan organizon, kun sidejo en Londono, kiu portos la provizoran titolon de *Internacia Esperanto-Ligo*.

**La Nova Ligo.**

Al tiu agado, kiel ni raportas alikoke, la Konsilantaro de B.E.A. donis sian unuaniman aprobon, kaj ĝi atendas la fidelan subtenon de ĉiuj ĝisnunaj delegitoj kaj membroj de U.E.A.

* * *

Vere ne temas pri nova organizaĵo. Sed, se la svisaj leĝoj devigas, ke la sidejo de la laŭleĝa U.E.A., kontraŭ la demokrate esprimita deziro de ties konstituantoj, restu en Svislando, kie ĝi laŭ faritaj pruvoj ne povas plu vivi—kaj ĝi povas tion devigi dum la mortiga periodo de multaj monatoj,—restas nenia alternativo. La nomon, la konstitucion, la restaĵon de la grandparte formanĝita garantia kapitalo, kaj la ŝuldojn, ni testamentas al niaj svisaj samideanoj. La korpon, la kapon, la koron kaj la animon ni restarigas, nur sub alia nomo, en Britlando, kaj ni estas konvinkitaj, ke preskaŭ senescepte la Landaj Asocioj sekvos la ekzemplon de B.E.A.

**Nur nova Nomo.**

La solaj, kiuj povus malgajni per tio, estas la Dumvivaj Membroj de U.E.A., sed estas jam decidite, proponi al ili dumvivan membrecon de I.E.L. sen plua pago.

* * *

En paĝo 384 de la nuna numero aperas artikolo de la vigla sekretario de la grupo en Bromley, kiu jam tiel bone laboris por la Tri-Jara Plano. Li alvokas al rekonsidero de la proponoj, prezentitaj en Swanwick, pri reformo de la grupa sistemo de B.E.A. Klarigoj pri la proponoj aperis en nia junia numero. Ni rekomendas la alvokon de S-ro Barnes al la serioza atento de la membroj.

**La Grupa Sistemo.**

# LA KONGRESO EN VIENO

*Daŭrigo kaj Fino.*

**Ŝipveturo sur Danubo**

Mardon vespere, post duontago dediĉita al kunsidoj de la Komitato de U.E.A., la Esperantista Akademio, la Katolikoj, Stenografistoj, Veterinaroj, Komercistoj kaj Skoltoj, la kongresanoj povis elekti inter du allogaj ekskursoj.

Tiuj, kiuj ne preferis viziti la Prater, kondukate de Vienaj Esperantistoj, povis ĝui ŝipekskurson sur Danubo. La vetero favoris, sed iom troa pleneco de la ŝipo malhelpis la komforton. Fine, tamen, oni sukcesis fari sufiĉe da spaco por danci, akompanate de Viena muzikistaro, kiu ludis dum la tuta, bela veturo.

**Kunvenoj kaj Prelegoj**

Merkredo estis laborplena tago. Okazis pluaj fakkunsidoj : de Kristanoj, Baha'anoj, Fervojistoj, Ĵurnalistoj, Filatelistoj, Instruistoj, Poŝtistoj, Juristoj, Sciencistoj, kaj la specialaĵo de la nuna Kongreso: Konferenco de la Virinoj. Oni ankaŭ ne forgesu la komitaton de U.E.A., kiu denove kunvenis.

Tiumatene daŭris la Somera Universitato. Japana samideano prelegis pri la familia sistemo en sia lando, kaj precipe pri la situacio de la japanaj virinoj. Li admonis al okcidentanoj, ke ili penu fari por si klaran bildon pri la vivo en oriento, studante ĝin per Esperanto.

Sekvis Kalomano Kalocsay, nia fama hungara verkisto, kiu, sub la temo *La Esperanta Literaturo*, pritraktis la disputigan temon de neologismoj, apologiante la propran sintenon kaj pledante por la riĉigo de Esperanto pere de la literaturo.

Poste parolis Prof. Kamaryt pri ĉeĥa filozofio, kaj D-ro Spielmann, Direktoro de la Svisa Esperanto-Instituto, pri Esperanto en la servo de P.T.T.

**Ekskursoj kaj Laborkunsido**

Ĵaŭdon oni dediĉis al tuttagaj ekskursoj al diversaj lokoj. Unu karavano veturis aŭtobuse por viziti Raxalp, kies supron, 2000 metrojn altan, oni atingis per kablo-fervojo, revenante al Vieno tra la pitoreska Semmering. Alia ekskurso celis la 1800-metran Schneeberg, per dentrada fervojo. Krom tiuj ĉi, okazis aŭtobusaj veturoj al Gumpoldskirchen, St. Pölten, kaj aliaj vidindaj lokoj en la regiono. Kongresanoj, kiuj ne partoprenis la oficialajn ekskursojn, profitis la okazon por esplori la vidindaĵojn de Vieno.

Vendredon matene okazis la dua labor-kunsido, kies tempon preskaŭ tute plenigis daŭra diskutado de la krizo rilate al internacia organizo. Posttagmeze kunvenis Sciencistoj, Kuracistoj, Virinoj, Kontraŭuloj de Alkoholo kaj Tabako, Instruistoj. Samtempe okazis la Ĝenerala Kunsido de Aŭstria Esperanto-Asocio.

**La Internacia Balo**

Sub la kutima devizo : "La Kongreso Dancas," la vendreda vespero alportis unu el la brilpunktoj de la Kongreso. La granda festsalonego de Hofburg denove pleniĝis per samideanoj, sed ĉi tiun fojon feste vestitaj aŭ en naciaj kostumoj, ne por aŭskulti salutparoladojn, sed por amuziĝi laŭ la ritmo de la nemortigebla Viena muziko. Alterna ludado de du orkestroj provizis seninterrompan akompanon.

Okazis ankaŭ prezento de kantoj kaj popoldanco, kaj la elekto de "Miss Esperanto," la belreĝino de la Kongreso. El la granda nombro da belulinoj, kiuj sin prezentis por tiu konkurso, oni elektis ĉarman japaninon. Kaj estas tamen maliculoj, kiuj diras, ke la Esperantismo estas nur Eŭropana movado.

**Ferma Kunsido**

Sabato estis la lasta tago de la Kongreso, kaj tiumatene okazis la Ferma Kunsido, kiu samtempe ankaŭ estis laborkunsido. La Prezidanto raportis pri la aktuala situacio rilate al la svisaj protestintoj, kaj oni decidis fari lastan provon pri akordiĝo kun ili por eviti disrompon de U.E.A. (vidu en paĝo 385).

S-ro Petit (Francujo) raportis pri la laboro de la Komitato dum la semajno. Okazis naŭ kunvenoj, kun entuta daŭro de 20 horoj. Interalie estas diskutitaj : translokigo de la oficejo, aranĝo pri konferenco kun temo "Esperanto en la Praktiko" okaze de la Pariza Ekspozicio je Pentekosto, 1937, starigo de Landaj Asocioj ekster Eŭropo, interkonsento kun S-ro Teo Jung pri la "gazeta demando," kunlaborado kun neneŭtralaj organizoj, Internacia Gazetara Servo, la Jubilea Kongreso en Varsovio kaj multaj administraj aferoj. Generalo Bastien faris dankan kaj laŭdan paroladon al la organizintoj de la Kongreso, la altrangaj protektoroj, kaj la protokolanto, S-ro E. Werner. S-ro Kortega Konsilisto Hugo Steiner respondis por danki al la Prezidanto kaj la ĉeestantoj. Siavice li dankis ĉiujn, kiuj helpis lin ĉe la kongresaj laboroj.

Post akcepto de rezolucio konfirmanta la Deklaracion de Boulogne, Prof. Bujwid parolis pri la Jubilea Kongreso okazonta en Varsovio, kaj invitis ĉiujn partopreni. S-ro Leo Belmont deklamis poemon pri la Viena Kongreso, kaj S-ro L. Ŝapiro invitis al Postkongreso en Bialystok en 1937.

Fine, S-ro J. R. G. Isbrücker proponis dankon al la Prezidanto pro lia kapabla gvidado de la kunsidoj. Meze de granda aplaŭdo finiĝis la kunsido, kaj kun ĝi la Dudek-oka.

---

**Priskribo de la postkongresa vojaĝo "Tra Aŭstrio," kun fotoj, aperos en nia novembra numero.**

---

# LA A B C DE EDZECO

De HAROLD W. SPEIGHT

La Edzo. La Edzino.

*Loko : Norda Anglujo. Horo : Matenmanĝo. La edzo legas ĵurnalon.*

Ŝi : Mi estas pensinta . . .
Li : *Ah!*
Ŝi : Ne estu sarkasma ! Mia cerpo . . .
Li : . . . bo.
Ŝi : Ho jes, lertulo ! Korektu min. Vi povas paroli la lingvon, kiam plaĉas al vi.
Li : *'t so ?*
Ŝi : Nu mi intencas sugesti, ke ni praktiku la paroladon pli ofte . . .
Li : (*ternas*) Ĉo !
Ŝi : Ha, vi malvarmumis ! Vi devas viziti la kuraciston hodiaŭ vespere, se vi havas sufiĉe da . . .
Li : *Dough.*
Ŝi : Ne, tempo. Ne estu malsaĝa.
Li : *Eh ?*
Ŝi : Vi ja estas malĝentila. Aŭskultu ! Ĉu vi scias, kio estas via plej granda malamiko ?
Li : *Foe ?*
Ŝi : Jes. La maldiligenteco . . . vi ne sufiĉe praktikas la paroladon.
Li : *Go . . .*
Ŝi : Ne blasfemu, malbonulo ! Vi estas tiel pekema kiel via frato . . .
Li : *Joe ?*
Ŝi : Jes, unu viro kia Jozefo en familio estas sufiĉa.
Li : Ho !
Ŝi : Ne koleriĝu ; vi scias, ke mi parolas la veron.
Li : (*tusas*) Ĥo !
Ŝi : Ne glutu la nutraĵon tiel avide . . . vi sufokos vin . . . vi devas maĉu . . .
Li : -i.
Ŝi : Vere. Maĉi. Vi estas lerta Esperantisto ; vi korektas min, sed preskaŭ neniam parolas la lingvon. Jen vi sidas kaj legas la ĵurnalon, dum viaj manoj moviĝas inter la buŝo kaj telero kiel . . . kiel . . .
Li : *Yo-Yo ?*
Ŝi : Vi estas nereformebla ! Mi konsilas pri via sano sed vi nur ŝercas . . . la fino de via mangaĵo estos . . .
Li : . . . ĵo.
Ŝi : Lertulo ! Vi ne estas tiel lerta pri la stomako. Vi trinkas tro multe da teo, pli bona estus . . .
Li : *Cocoa ?*
Ŝi : Eble ; ĝia nutra valoro estas . . .
Li : *Low.*
Ŝi : Tute ne ! Ĝi estas alta. Eble vi preferus trinki bieron, sed por tia kutimo oni devas posedi multe da . . .
Li : Mono.
Ŝi : Jes ! Sed vi jam elspezis tro multon tiamaniere.
Li : *Oh ?*
Ŝi : Ni ŝanĝu la temon. Pri la vespero . . . se restos bele, ni iru al la parko por lui boaton.
Li : Po ?
Ŝi : Ho, eble po unu ŝilingo hore ; mi scias, ke plaĉas al vi . . .
Li : *Row.*
Ŝi : Jes, ni ĝuos feliĉan vesperon.
Li : *So ?*
Ŝi : Ĉu vi ne konsentas ? Eble vi preferus . . .
Li : *Show.*
Ŝi : Nu . . . sed atentu ! Aŭskultu min ! (*Ŝi piedbatas lin sub la tablo*) Jen estas la . . .
Li : *Toe . . . OOH* !
Ŝi : Vi meritas la punon . . . sed aŭskultu ! . . . se pluvos, ni vizitu teatron . . .
Li : Vo . . .
Ŝi : Vodevilon ? Se vi deziras ; mi nur volas, karulo, ke ni ambaŭ trovu sufiĉe da amu . . .
Li : (*levas la okulojn al ŝi kaj ridetas*) . . . ZO !

(*Kurteno*).

# POST-CONGRESS THOUGHTS

By C. A. BARNES, M.P.S.

As the Congress referred to is the British event held, this year, at Swanwick, some may think this a little late in appearance. I feel, however, that it is better to write after some reflection and thought on the matter than to arrive at hasty conclusions born of over-enthusiasm or inexperience.

The General Meeting on the Sunday was the focus of our attention, and it gave me some idea why our movement is only partially effective here in Great Britain, when, with the courage of our convictions that we are helping towards a greater brotherhood of peace and understanding, we should be able to push on to an ever-increasing strength, popularity and usefulness. But this opportunity is going to be lost to this generation if we allow well worn, but out of date, rules to govern our present needs and conditions.

Co-operation is urgent, but the Three-Year Plan has proved the naked fact that this quality is far too conspicuous by its absence for us even to attempt to foster. It is something we have to create within our ranks now—with every expediency—so that these well started efforts at expansion may have a sound foundation upon which to rest.

To my way of thinking, the Three-Year Plan—while fine in its conception and present aims—is going to be more useful in awakening the rank and file to the weakness that surrounds us—this lack of unity.

Here let me illustrate more clearly what I mean by reference to an imaginary Federation with six Groups. Over a large area these Groups may be working hard individually. More likely that two, at the most, are working hard, whilst the others carry on in their usual very mediocre way, showing little interest either in other Groups, their Federation or Headquarters. Just how many points can they claim to have obtained as their share towards bringing home the Cup to their Counties? So we find one go-ahead Group fettered by other members of the same Federation—mostly on account, I suggest, of their not getting together and co-operating. This, too, is without the growing number of individuals scattered throughout the Federation, who could, with encouragement, probably add untold weight to affairs if they received some acknowledgment of their existence and some friendly invitation to pool their individual efforts for the sake of their Federation.

We have Headquarters working hard, and here and there these flickering sparks of bounded enthusiasm and enterprise. The link is missing that would unify these efforts, and present to Headquarters solid fronts of encouragement, help and useful strength. It is our Federation centre which is missing—there in name, true enough, but not in actuality, nor pulling steadily on the rein of its unity.

The opportunity was given us at the Congress to remedy this greatest defect in our organisation. The plan was cut and dried; it had the polish that committee and council had given it before its presentation to members; criticism had robbed it of most of its weak points, and there it was, backed by 90 per cent. of the leaders whom we—the rank and file—take it upon ourselves to vote into office. The solution of many of our troubles within our grasp, and yet, on account of the little publicity and discussion among Groups of its need and desirability, and because of the egotistical outlook and obstinate lack of foresight of one or two individuals, the best we can do is to leave the resolution unpassed, and on the table for future consideration—carrying for the second part of the Three-Year Plan this millstone which drags us under the stream of ideas, instead of on the crest with co-operation carrying us towards our objective.

Brother Esperantists! I appeal to you to discuss this matter sanely, and in full measure of common sense, among yourselves, and then bring to our next Congress the full weight of your discussions, clean cut, to carry through this urgent necessity to our complete co-operation with its sequel of success.

Furthermore, I suggest you write, individually or as Groups, to the Editor about this matter, so that your views and questions may be aired and answered in ample time; and to prove, too, that *The British Esperantist*, in its ever improving presentation, *is* read, and can be made the forum of our plans, ideas and accomplishments.

# LA INTERNACIA ORGANIZO

## LASTAJ OKAZINTAĴOJ

ESPERANTISTOJ sendube bone memoros, ke la voĉdonado de la delegitoj de U.E.A. pri la ŝanĝo de la statuto kaj sekve la translokiĝo de la oficejo montris, ke 80% el tiuj, kiuj voĉdonis, aprobis la ŝanĝon. Pro tio, ĉiu atendis baldaŭan solvon de la problemo kaj komencon de la vere necesa laboro de la Centra Oficejo.

Bedaŭrinde la svisaj protestintoj rifuzis akcepti la rezulton kaj ne ĉesigis la leĝan proceson, kiu malhelpas la translokigon kaj aldonas altajn kostojn al la jam suferanta budĝeto de nia organizo. Por pravigi tiun agon, ili diras, ke la Prezidanto ne formale voĉdonigis la Komitaton pri la okazigo de la delegita voĉdonado. Laŭvorte tio estas vera, sed laŭspirite ĝi ne estas. La Prezidanto voĉdonigis la Komitaton pri la translokigo de la oficejo—por kio estis plimulto—kaj li opiniis tute nenecese denove voĉdonigi ĝin kaj tiamaniere malŝpari 3 monatojn kun la koncernaj altaj elspezoj por *formala* aprobo de la delegita voĉdonado pri aliigo de la statuto, kio estas la natura sekvo de la aprobo jam donita.




**S-ro C. C. Goldsmith, kiel vidas lin artisto de** *La Praktiko*. **Oni ŝanĝos nur la literojn sur la nazo de la aŭto, kiu daŭre marŝos laŭ la bona vojo.**

Post la 4a de julio la Prezidanto traktis kun la protestintoj, kaj dum la unuaj tagoj de la Viena Kongreso ŝajne estis espero pri akordiĝo. Je la 14a de aŭgusto li ricevis leteron de S-ro Bouvier, kiu malaperigis tiun esperon kaj montris, ke la protestintoj estas decidintaj konduki la proceson ĝis la fino. Laŭ la kalkulo de la Komitato tio certe daŭrus minimume sep monatojn, kaj laŭ la advokato, eĉ pli ol unu jaron. U.E.A. ne plu posedas sufiĉe da mono por elteni dum tiom da tempo, ĉar intertempe ĝi povus preskaŭ nenion fari. La protestintoj per leĝa proceso malebligas la funkciadon en Londono, kaj ankaŭ malpermesas, ke la elektita Direktoro laboru en Ĝenevo, dirante ke li estas elektita nur por Londono. Fakte, do, tio signifas la morton de U.E.A. Pro tio, la komitatanoj en Vieno, kun granda bedaŭro, unuanime akceptis la jenan rezolucion :—

La Ĉeestantaj komitatanoj* de U.E.A., post lego—

1. de la letero de S-ro Bouvier, de la 30a de julio, 1936, kiu antaŭvidigas esperon de akordiĝo pri la nuna proceso.
2. de la letero de S-ro Bouvier, de la 13a de aŭgusto, 1936, kiu malaperigas tiun esperon kaj montras, ke la protestintoj estas decidintaj konduki la proceson ĝis la fino,

konsiderante, ke tiu decido de la protestintoj malhelpos la translokigon de la oficejo de U.E.A. al Londono dum pluraj monatoj ; ke tio igas neebla la komencon de la laboro por la venonta jaro kaj eĉ ĉiun seriozan taskon dum pluraj monatoj ; ke en la nunaj cirkonstancoj tio signifas la morton de U.E.A.

komisias sian Prezidanton por fari tuj ĉe S-ro Stettler kaj ĉe la protestintoj lastan klopodon por ke tiuj ĉi rezignu sian agadon kaj por eviti la baldaŭ timotan katastrofon ;

En okazo de malsukceso aŭ de netuja sukceso,

decidas, ke la Landaj Asocioj, respektive la Komitatanoj, estos petitaj, ke ili tuj eksiĝu el U.E.A., kaj fondu novan Asocion sidantan en Londono ; ne akceptas la eksiĝon de S-ro Goldsmith kiel Direktoro, kaj decidas, ke li estos proponita kiel Ĝenerala Sekretario de la nova Asocio.

---

* La Prezidanto (Gen. L. Bastien), P. W. Baas (Nederlando), O. Bujwid (Polujo), J. R. G. Isbrücker (Nederlando), P. Kempeneers (Belgujo), E. Malmgren (Svedujo), A. C. Oliver (Britujo), P. Petit (Francujo), J. R. Scherer (Usono).

Komisias sian Prezidanton kaj sian Direktoron por pristudi post konsiliĝo kun juristoj, la demandojn, kiujn sekvigas tiu rezolucio: provizora statuto, forlaso de la posedaĵo de U.E.A., k.t.p.
Pri la nuna proceso:
En la dirita okazo de malsukceso, decidas, ke la proceso, kiu ne plu interesos la novan Asocion, estos forlasita, post konsiliĝo kun juristoj.

Post la Kongreso la Prezidanto vizitis S-ron Stettler, kiu diris, ke li tute ne enmiksiĝis en la Ĝeneva proceso. Li vizitis S-ron Bouvier, kiu promesis paroli kun siaj amikoj, kaj doni respondon je la fino de aŭgusto. La respondo alvenis, kaj denove montris, ke ili ne volas ĉesigi la proceson.

* * *

**Tio montras, ke kelkaj malmultaj personoj tute ne volas akcepti la deziron de la granda plimulto, sed volas devigi la komitaton resti en Ĝenevo, kvankam ĝi bone scias, ke tio estas finance neebla. La komitatanoj, opiniante, ke forta internacia organizo, kiu volas kaj povas labori en la intereso de la movado, estas pli grava ol iu nomo, decidis starigi novan organizon sub la nomo "Internacia Esperanto-Ligo." Ili atendas la subtenon de ĉiu Esperantisto, kiu deziras unuecon kaj bonan laboron.**

CECIL C. GOLDSMITH.

---

La 1an de septembro S-ro C. C. Goldsmith eksiĝis el sia ofico kiel Direktoro de U.E.A. kaj nun agas provizore kiel Ĝenerala Sekretario de Internacia Esperanto-Ligo. Oni nun ellaboras la statutojn de la nova organizo, kies konstitucio estos principe simila al tiu de la forlasata U.E.A.

S-ro Fred Wadham eksiĝis el la ofico de Ĉefdelegito de U.E.A. kaj deklaris sin preta agi en la sama rolo ĉe I.E.L.

Ĉe kunveno de la Konsilantaro de B.E.A., la 12an de septembro, 1936, la ĉeestantoj, laŭ *unuanima* rekomendo de la Ekzekutiva Komitato, *unuanime* decidis, ke (1) B.E.A. tuj malfiliiĝu de U.E.A. kaj filiiĝu at I.E.L.; (2) B.E.A.-reprezentantoj en la Komitato de U.E.A. estu instrukciataj eksiĝi el tiu Komitato kaj akcepti provizoran oficon ĉe I.E.L.; (3) B.E.A. rekomendas al ĉiuj britaj Delegitoj kaj membroj eksiĝi el U.E.A. kaj aliĝi al I.E.L. en la sama rilato; (4) S-ro Fred Wadham estu Ĉefdelegito por Britlando.

# INTERNACIA ESPERANTO-LIGO

**Domo.**—Du malavaraj samideanoj donacis al I.E.L. belan domon, kun ĝardeno, ne malproksime de Londono. Espereble la Centra Oficejo povos ekokupi ĝin en la nova jaro. Detaloj sekvos. Laŭ la kondiĉoj de tiu ĉi donaco, profitos ankaŭ la Jubilea Kaso de B.E.A.

**Gazetoj.** — I.E.L. kaj S-ro Teo Jung subskribis kontrakton, laŭ kiu *Heroldo de Esperanto* — baldaŭ reaperonta — estos oficiala gazeto de la Ligo. S-ro Jung eldonos ankaŭ la monatan organon de I.E.L., *Esperanto Internacia*, kies unua numero aperos frue en oktobro.

**Kotizoj.**—Kun tiu ĉi numero de *B.E.* la membroj ricevas folieton kun detaloj pri la kotizoj fiksitaj por 1937. Tiuj, kiuj aliĝas nun, ricevas 15-monatan membrecon kaj la gazetojn—laŭ la klaso de kotizo—dum la sama periodo.

FRED WADHAM,
*Brita Ĉefdelegito.*

**RADIO: LASTHORAJ INFORMOJ**

**Somera Tempo** finiĝas la 4an de oktobro en Belgujo, Britujo, Francujo kaj Nederlando. De tiu dato oni deprenu, por *ĉiu alia lando*, unu horon de la detaloj en paĝo 392.

**Horeto.**—Brno (325m.) kaj Praha (470m.) 7 okt., 21.15–22.15 GMT: "La Frato de Prometheus".

HAVE YOU EVER SEEN THE HANDWRITING OF DR. ZAMENHOF?
**IF NOT, NOTE THIS:**

Al la „cigaredo Esperanto" mi deziras la plej bonan sukceson.
Via,
Zamenhof

## LA CIGAREDO ESPERANTO

(THE ESPERANTO CIGARETTE)

These Cigarettes are warranted Hand-made from a blend of the purest Virginian Tobaccos, and every precaution is exercised in their preparation to ensure a uniform and high-grade article.

**Price, per packet of 20, 1/6, post free. for 10 packets, 14/–, post free.**

FROM THE B.E.A.

SOLE PROPRIETORS:
**BUCHANAN, SCOTT & Co.,**
**GLASGOW, C1.**
(WHOLESALE ONLY).

# WORLD YOUTH CONGRESS, GENEVA

## BRITISH DELEGATION AND ESPERANTO

At a time when the news of international affairs is becoming more and more a series of failures and breakdowns in collaboration between nations, the World Youth Congress held in Geneva from August 31st to September 7th was an encouraging gathering. Unfortunately it received far too little publicity in the press.

The Conference was organised under the International Federation of League of Nations Societies, with the aim :—

(1) to provide an opportunity for youth in all countries to exchange ideas on international affairs and to reach agreement upon a common plan of international co-operation for the prevention of war and the organisation of peace ;

(2) to discuss concrete possibilities of co-operation of youth of all countries, based upon mutual understanding and mutual respect for opinion, to attain those ends ;

(3) to strengthen the links between the organisations of youth themselves and between the League of Nations Societies.

It is with great pleasure that we are able to announce that the Committee Meeting of the British Delegation, held at the Y.W.C.A., Gt. Russell St., W.C.1, on August 22nd, adopted a Resolution requesting the World Youth Conference to recommend the furtherance of Esperanto among the world youth organisations. Owing to an overloaded agenda, this was not brought up before the Conference itself, but we understand is to be dealt with by the Continuation Committee at the end of October. This Committee is the co-ordinating body established to continue the work and aims of the conference.

The British Delegation was a strong and representative group, organised through the help of the League of Nations Union. The endeavour of the Youth of the World to come together in a common effort towards world understanding and peace is deserving of success, and certainly it has the fullest sympathy of Esperantists. It is to be hoped that it will have not only their sympathy, but also increasing active collaboration.

---

It will be recalled that the Youth Section of the League of Nations Union recently recognised Esperanto among the languages for foreign correspondence. Also, the Youth Hostels Association Handbook contains an Esperanto vocabulary. For Scouts and Guides there is the Skolta Esperantista Ligo ; and there is active co-operation between International Friendship League and our movement. To encourage closer working with youth societies, the London Esperanto Federation has just formed a Youth Section for the benefit of its younger members—a step which might be copied by some of our other Federations.

---

# VIZITO AL LA ESPERANTO-DOMO EN ARNHEM

De L. T. Impey.

De la 8a ĝis la 16a de aŭgusto mi, kiel gajninto de la "Leakey" stipendio aljuĝita de la B.E.A., estis gasto en la Esperanto-Domo, Arnhem.

Tie, kun proksimume kvardek personoj el naŭ aŭ dek landoj mi partoprenis la Seminarion por Cseh-metodaj instruistoj, sub la gvidado de Pastro Cseh.

Arnhem mem mi trovis sufiĉe nova urbo kun belaj parkoj, arbaroj kaj ĉirkaŭaĵoj. Ĝi lokiĝas en unu el la malpli ebenaj kaj pli arbaraj partoj de Nederlando. La Domo estas en belega parko kun du-tri lagetoj.

La kurso daŭris dum kvar horoj ĉiutage (de la 9a ĝis la 1a ptm.) kaj, krom la klarigo de la kurs-lecionoj de Pastro Cseh, ni aŭskultis la spertojn de F-ino Saxl kaj S-ro Pragano, du Cseh-instruistoj, konataj de multaj en Anglujo.

Afablaj Arnhemanoj venis al la domo ĉiun posttagmezon kaj kondukis la vizitantojn al diversaj vidindaĵoj. Tiel ni konatiĝis kun la lando kaj kun la loĝantoj rekte per Esperanto kaj sen tradukado.

La Domo estis sub la mastrumado de S-ino Isbrucker, kiu tiel bonvenigas kaj akordigas la vizitanton al Esperantujo, ke neniu sentas sin eksterlande.

Fine, la gastoj tiom interkonatiĝis kaj intermiksiĝis, ke mi demandas, ĉu iu, en tiaj favoraj cirkonstancoj, ne povas ĝui kaj la kurson kaj la libertempon ? Espereble en la estonteco mi havos okazon denove viziti la Domon kaj renkonti la amikojn, kiujn mi tie trovis.

# OUR BOOKSHELF

*Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given.*
*POSTAGE EXTRA.*

***Sango kaj Sablo.**—*Vicente Blasco Ibáñez. Trad. el hispana lingvo Ramón de Salas. Eldonis Aragona Esperanto-Federacio.* 232 *pp. Broŝ.* 5ŝ. 6p.

En tempo, kiam la nove naskita hispana respubliko ankoraŭ baraktas por sia vivo, estas interese legi verkon de unu el tiuj liberaluloj, kiuj plej forte laboris por la starigo de tiu respubliko.

Sed Blasco estas malpli konata kiel politikisto, ol kiel romanverkisto. Per siaj romanoj li spegulas la vivon de la diversaj regionoj de tiu Hispanujo, kies moroj kaj tradicioj estas pli bone konataj, ol tiuj de la nova Hispanujo nun evoluanta.

El ĉiuj moroj, tiu, kiu unua venas en la menson de la eksterlandano, estas la tradicia amo al la popola sporto de bovbatalado, kiu formas la kadron de tiu ĉi romano. Kion la nehispano tamen ofte nescias, estas, ke tiu sporto multe perdis sian popularecon dum la pasintaj jaroj, krom en la sudo—scenejo de *Sango kaj Sablo*—kie la popolo estas malplej influita de la industriismo, kaj de la pli humana kulturo, kiun Hispanujo sorbas el Norda kaj Okcidenta Eŭropo.

Fidele prezentanta la vivon de unuagrada matadoro, kiu altiras publikan aklamon kaj adoron multe pli intensan, ol tiun, kiun ĝuas "stelulo" de Hollywood, la aŭtoro testamentis al venontaj generacioj vivan bildon pri forpasanta fazo de la hispana kulturo. Detalaj priskriboj de la "ludbataloj" povas naŭzi humanan leganton, kaj Blasco plene ekspluatas la pitoreskon, tamen ne kaŝante la kruelecon, de tiuj ĉi grandiozaj festoj de la popola sadismo.

Li tamen scias taŭge lokigi la kulpon. Priskribinte en la lasta ĉapitro batalon, per kiu ne nur la taŭro (teknika esprimo uzata en la Esperanta traduko por prezenti virbovon aparte breditan por la areno), sed ankaŭ la matadoro, aŭ spadulo, renkontas sian morton, li finas per la jenaj vortoj :—

> Malfeliĉa taŭro ! Malfeliĉa spadulo ! . . . Subite la bruema amaso ekkriis gaje. La spektaklo daŭras. Naciao fermis siajn okulojn kaj streĉis siajn pugnojn.
>
> Jen kiel la vera, la nura rabbesto raŭke blekas.

Utila aldono estas numeritaj klarigoj pri la teknikaj esprimoj uzataj en la romano, kaj pri vortoj kaj nomoj, kiujn nehispana aŭ ekster-Eŭropa leganto verŝajne ne komprenus. F. W.

**Kanto al mia Koro.**—*Dragutin Tadijanoviĉ. Trad. kaj eldonis Josip Velebit, Zagreb, Jugosl.* 68 *pp. Prezo ne montrita.*

Eldoninte la libreton, la tradukinto pruvas, ke li altgrade posedas la lingvon, sed li ne pliriĉigis nian literaturon, nek bone reklamis la kroatan kapablon por poetiko.

K. R. C. S.

**Norvega Kantareto.**—*Kompilis Liv Sandberg.* 40 *pp. Prezo ne montrita. Norvega Esperantista Ligo.*

Tekstaro de 34 kantoj, plejparte norvegaj. Espereble la kolekto tre utilos al la grupoj en Norvegujo, kaj ni deziras al ĝi bonan disvastiĝon. Se la literatura valoro de la tradukoj ne estas tre alta (kaj veran poezion oni ne ofte trovas ĉe tiaj tradukokolektoj), ĝi almenaŭ atingis nivelon ne tro malkontentigan : tamen apostrofoj tro abundas. *Sur la Monto* estas eĉ iom bela.

M. C. B.

**Universal Brotherhood.**—Marŝo, en la formo de kanto kaj instrumenta interludo. Vortoj kaj muziko de R. Woolfstein, 217 Richmond Rd., London, E.8. Esperanta traduko de H. W. Holmes. Prezo 1ŝ. 6p., ĉe S-ro Woolfstein.


# MINIATUROJ

Originalaj poemoj verkitaj de

**GEOFFREY DALRYMPLE NASH**



Tole bindita. Prezo estis 2ŝ. 6p.

NUN NUR 1ŝ. 6p., afranko 2p.



"Kiu volas havi bukedon da facil-digestebla poezio, tre gusteme preparita kaj alportita, jen okazo."

*Svenska Esperanto-Tidningen.*



Eldonita de

**The Esperanto Publishing Co., Ltd.,**

Mendebla ĉe

**B. E. A.,**

142 High Holborn, London, W.C.1.

**Tutmonda Fakadresaro 1936 (ILEPTO).**—73 pp., *Ilepto,* 324 *Rue Lecourbe, Paris XV. Prezo ne montrita.*

Adresaro de kolegoj de la Internacia Ligo de la Esperantista Poŝt- kaj Telegraf-Oficistaro, kaj informoj pri Fakasocioj, Fakorganoj, Teknikaj Revuoj, kaj la Filatelia Mondo, tra la tuta mondo. Utila libro, modele aranĝita. Amuza erareto: *ilies* anst. *ilia.* Ĉiu, kiu sin interesas pri la Adresaro, la Esperanta movado ĉe P.T.T., aŭ ĝia bonega organo *La Interligilo de l'P.T.T.*, sin turnu al la adreso supre nomita.

**Jarlibro de la Lingva Komitato, 1936.**—40 *pp.*, 2 *frankoj, ĉe Esperantista Centra Librejo,* 11 *Rue de Sèvres, Paris* 6.

*Enhavo :* Statutaro, Interna Regularo, Nomaro kaj Adresaro de la L.K.-anoj, k.s. Oni forigis kelkajn rubrikojn ne plu aktualajn, kaj aldonis mallongan historion de la Lingvaj Institucioj, Informojn pri naciaj diplomoj, kaj Alfabetan Liston de vortoj oficialigitaj en 1934 kaj 1935 (Oficialaj Aldonoj V kaj VI) kun tradukoj angla, franca, germana, hispana, itala, kaj pola. Troviĝas ankaŭ listo de Landnomoj laŭ la Zamenhofa Sistemo.

**Jarlibro de S.A.T., 1936.**—15*a jaro.* 24 *pp.* 67 *Avenue Gambetta, Paris* 20. Statuto, Gvidantaro, Adresaro, Informoj pri Laboristaj Esperanto-Asocioj kaj la rilato de S.A.T. al ili; Esperanta Gazetaro, Librolisto. Nur por membroj de S.A.T.

**Ich spreche Esperanto !**—*Einführung in die Esperanto-Konversation. D-ro E. Pfeffer. Dua Eldono. Tagblatt-Bibliothek* 426. *Steyermühl-Verlag, Wien.* 65 *pp., unu respondkupono.*

Rekomendinda konversacia frazaro kun dialogoj diverstemaj. Germana teksto en flanka kolumno. La Tagblatt-Biblioteko jam enhavas aliajn Esperanto-eldonaĵojn el la plumo de D-ro Pfeffer, kiuj vendiĝis grandnombre. Al ili la unua estas inda kolego.

**Warum Esperanto? Warum Deutscher Esperanto-Bund?**—22 *pp. Deutscher Esperanto-Bund, Oppellstr.* 50, *Dresden N.*6.

Propaganda broŝuro en germana lingvo. Respondo al oponoj, apologio de G.E.A., kaj pozitiva faktaro por konvinki dubemulojn.

**Amerika Esperanto-Kantlibro.**—De 1931 S-ro H. I. Keyes pretigis kolekton da kantoj por la usona samideanaro. Ĝi atendis publikigon ĝis nun, sed en la aprila numero de *The American Esperantist* aperis la unua duono—22 kantoj—kaj supozeble la ceteraj aperos en posta numero. Oni povas ricevi la aprilan numeron kontraŭ 15 cendoj por unu ekz., aŭ po 10 cendoj por almenaŭ 5 ekz., sendotaj al unu adreso, ĉe E.A.N.A., 1517 H Street N.W., Washington, D.C., U.S.A.

La kantoj ne estas ĉiurilate nekritikeblaj, sed ili estas plejparte tute bonaj. Ni rekomendas ilin al sekretarioj, kiuj deziras novaĵojn por grupkantado. Oni povas iom bedaŭri, ke la aŭtoro aperigis kelke da duplikataj tradukoj de kantoj jam aperintaj en *Kantaro Esperanto* aŭ *Himnaro Esperanta,* anstataŭ dediĉi sian talenton sole al kantoj ankoraŭ ne tradukitaj.

**La Granda Reĝo.**—*De Patro Joaĥim, SS. CC.* 22 *pp., senpage, ĉe Sekretariejo de la Surtronigo de la S. Koro de Jesuo, Ginneken, Nederlando.*

Alvoko al la honorigo de bildo de la Koro de Jesuo en Romkatolikaj hejmoj, kaj historio de tiucela movado. Lingve sufiĉe bona, sed ne perfekta. Ĉu necesas *devocio, supremacia?* Preferinda estas *Jesuo,* ol *Jezuo.*

M. C. B.


# A SELECTION
FROM THE
# NEW BOOKS
RECENTLY PUBLISHED



**ROMANO DE SAN MICHELE.**
Axel Munthe (J. Weleminsky).
cloth 9/–, post 6d.
paper 7/6, post 6d.

**HINDO RIGARDAS SVEDLANDON.**
L. Sinha cloth 5/9, post 4d.
paper 4/3, post 4d.

**LA LONGA VOJO.**
Richard Meye cloth 4/9, post 3d.
paper 3/3, post 3d.

**PROGRESADO KAJ LA PASINTECO.**
George F. Wates (William Bailey).
cloth 3/6, post 4d.

**PETROLO !** Vols. I & II.
Upton Sinclair (W. Bailey).
cloth, each vol. 3/6, post 6d.

**ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO.**
O. Ginz kaj S. Kamaryt.
cloth 12/–, post 6d.
paper 10/6, post 6d.

**REMBRANDT, LA MAGIISTO.**
M. Muller. cloth 7/–, post 6d.

**KAPTITAJ EN NUBIO.**
H. Sienkiewicz (Wiĝbertus van Zon).
cloth 4/6, post 5d.
paper 3/–, post 5d.



*Order from*
British Esperanto Association
142 High Holborn, London, W.C.1.

